

# Boletín

Nº 351 majo/junio 2001



Honora medalo al nia Vicprezidanto

Asociación de utilidad pública

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7; ES-28015 Madrid; Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA (Caja Postal): 0182-2552-61-0204011.961**
**admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



## Enhavo



# Estrarkunsido

La HEF-Estraro kunsidis en la centra oficejo en Madrido la sabaton 31 marto 2001 ekde la 10a matene. Partoprenis Miguel Ángel Sancho, Marcos Cruz, Luis Hernández, Rafaela Urueña, Pedro Garrote, Ana Manero kaj Manuel Parra.

Pritraktitaj aferoj:

1.- Oni aprobas la antaŭan protokolon, de 22 okt 2000 (Boletín-348). Pri ties enhavo, ni konstatas, ke ankoraŭ ne estas farita la regularo pri kongresoj; ke la misa funkciado de la kompanio Nil-Dipisa, kun kiu HEF eks-kontraktis, devigis nin ŝanĝi nian ret-adreson. Sancho, Cruz kaj Pancorbo daŭre laboras pri la enhavo de la interreta paĝaro.

2.- Ni analizas la buĝeton por la jaro 2001, preparita de Pedro Garrote, kaj retuŝas kelkajn ciferojn laŭ realisma antaŭvido.

3.- Pri la baldaŭa hispana kongreso (San Javier, 22a ĝis 24a junio-2001), la estraro klopodos fari la necesajn demarŝojn por ĝia sukceso.

4.- Per fakso informis la Kultura Asocio Esperantista, ke ili, kune kun aliaj katalunaj E-grupoj ofertis sian intervenon al la Universala Forumo pri Kulturoj, okazonta en Barcelono la jaron 2004. Ĉiuj ni devas pripensi, kiel plej taŭge la lingvo Esperanto ĉeestu tiun gravan eventon.

5.- Por Expolingua-2001 estas reeldonita la triptiko "Eo, una cultura viva"; oni faris novan diptikon A-5-formatan pri la Eŭropa Jaro de la Lingvoj, kaj alian pri hispana literaturo tradukita en E-on. Estas jam petitaj subvencioj al la ministerio pri kulturo kaj al Fundación Fernando Soler. Ĝenerale la preparoj iras bone.

6.- Ni elektas novan reprezentanton de HEF en la komitato de UEA (komitatano A), oficonta ekde la Zagreba U.K.; tiu estos Augusto Casquero, membro de la estraro. Ni dankas al Luis E. Hernández pro sia multjara oficado.

7.- Libroservo. Ĝiaj prizorgantoj informas, ke lastatempe tre malkreskis la vendoj, eble pro la kreskanta uzo de interreto por mendi librojn rekte al UEA kaj al F.E.L. Ni decidas: a) Nuligi la servon, laŭ ĝia tradicia funkci-maniero, depost junio. b) Plu disvendadi la librojn eldonitaj mem de HEF, plus la vortaro kaj metodo. c) Starigi servon de libro-perado inter UEA kaj la aĉetontoj. Zorgos pri ĝi, nome de HEF, Juan Antonio del Castillo. d) Laŭeble forvendi la nunan stokon, ofertante ĝin al la grupoj, al bibliotekoj kaj al aliaj libroservoj. Ni elkore dankas al Rafi kaj Luis ilian bonegan servadon, daŭrinta preskaŭ dudek jarojn.

8.- HEF formale leteros al S-ro Antonio Valén, instigante lin fiksi datlimon por la prespretigo de la verko "Gran Diccionario Español-Esperanto", de Fernando de Diego.

9.- Baldaŭa renovigo de la estraro. Ĝis la nuna dato prezentiĝis neniu kandidatiĝo al la diversaj estraj postenoj.

10.- Nacilingva informado per Boletín. Jam de multaj jaroj diversfoje la estraroj de HEF (re)konsideris la konvenon meti en nian organon kelkajn paĝojn nacilingvajn, kun du celoj: a) Kiel interna komunikilo, por la membroj kiuj ne scias esperanton. b) (kaj ĉefe) Ke ĝi samtempe rolu kiel informilo al la ĝenerala publiko, kaj aparte al sociaj gravuloj: amaskomunikiloj, ministroj, parlamentanoj, rektoroj, ktp. Ĝis nun la projekto fiaskis, pro malkonsento pri la detaloj, kiel realigi ĝin. La nuna estraro (principe oficanta ĝis junio ĉi-jara) decidas, ke Boletín enhavu parton nacilingvan ekde la numero 352 (septembro-oktobro 2001); temos pri la kvar centraj paĝoj, kiuj estos ne blankaj sed alikoloraj. Siatempe la estraro decidos, ĉu tio signifos dikiĝon de la revuo aŭ minuson de la esperantlingva parto, depende de la financaj ebloj. Kaj, por findecidi pri la detaloj, ĝi submetos al voĉdonado far la ĝenerala asembleo de membroj junie en San Javier jenajn du elekteblojn, por elekti unu el ambaŭ. 1a eblo) La kvar centraj paĝoj enhavos kvarfoje la saman tekston, respektive en kastilia, kataluna, eŭska kaj galega lingvoj. Sin ofertas por kunordigi ĝian redaktadon kaj tradukadon S-ro Antonio Alonso Núñez, prezidinto de HEF. Aŭ 2a eblo) Estu malsimilaj tekstoj en ĉiu lingvo, kaj ne samampleksaj: tri paĝoj en kastilia kaj en la kvara paĝo la aliaj tri lingvoj. Por ĉi-kazo oni serĉos la respektivajn redaktontojn.

11.- Pedro Garrote proponas, ke Boletín estu dissendata al kulturaj centroj kaj similaj. Luis E. Hernández gratulas al M. Cruz pro la artikolo aperinta en la revuo de la bus-kompanio Alsa.

*La prezidanto, Miguel Ángel Sancho*
*La sekretario, Manolo Parra*

**Kovrilo**

# Medalo kaj honoro

S-ano José María Galofré Domingo, Prezidanto de Kultura Asocio Esperantista (KAE) kaj Vicprezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, ĵus ricevis de la Ekscelenca Magistrato de Sabadell ĝian Medalon de Honoro, kiel rekonon kaj rekompencon al lia altnivela laborado por nia urbo, dum la lastaj 27 jaroj, pere de liaj respondecaj postenoj en la estraro de diversaj lokaj asocioj, inter ili en tiu de KAE.

*Vicente Hernández Llusera*

# EXPO LINGUA Expolingua 2001

De la 19a ĝis la 22a de aprilo okazis en la pavilono 11 ("La Pipa") ĉe la foirejo de "Casa de Campo", nova eldono de Expolingua, ĉi jare dediĉita al la "Eŭropa Jaro de la Lingvoj".

La nova sidejo pli taŭgas kaj allogas, kaj la spaco por la ekspoziciejo estas pli ampleksa, tial oni muntis ene de ĝi salonon, por kromaj paralelaj aktivaĵoj. Por profiti ĉi eblecon, la dimanĉon je la 13.00 ni faris antaŭpublikan prezentadon de esperanto. Ne temas pri la "Kongreso de Expolingua", sed pri io malpli serioza, senpaga, por la publiko simple vizitanta la foiron. Ni disponis 45 minutojn, kiujn Miguel Gutiérrez Adúriz utiligis por verve informi la ĉeestantojn.

Al tiuj firmaoj, kiuj pasintjare partoprenis la foiron -inter ili HEF-, la organizantoj de Expolingua, ofertis 20 elcentan rabaton ĉe la luo de la disponebla spaco. Plie, HEF kalkulis je la financa subteno de INALTEL, entrepreno jam en aliaj fojoj kunlaborinta kun nia asocio, kiu malavare donacis 150.000 ESP. Ĉio kune permesis al ni disponi pli grandan standon ol pasintjare (10 m2), alirebla de tri flankoj, kio multe plifaciligis la proksimiĝon de interesiĝantoj.

Krom la kutima agado: amasa disdonado de triptikoj kaj de informaj flugfolioj (gramatiko, pasporta servo, dista kurso, ktp); montrado de la esperanta kulturo per libroj, revuoj kaj muziko; prezentado de nia retpaĝaro kaj de la vidbendo "Mazi" (vera delogilo por infanoj, kiu nepre haltigas gepatrojn ĉe la budo)...; estis ankaŭ pluraj novaĵoj.

Ĉar ĉi-jare estas la "Eŭropa Jaro de la Lingvoj", ni ellaboris flugfolion, per kiu ni klarigas la sintenon de la esperanto-parolantoj antaŭ ĝi. Tio estas, ni analizas la deklaron, rimarkigas ĝiajn feblajn punktojn kaj proponas alternativojn.

Alia nova flugfolio: "Cervantes habla esperanto", dulingva specimeno enhavanta malgrandan kolekton de ĉerpaĵoj el la hispana literaturo. Ĝi celas ĉefe tiujn, kiuj deziras kunporti ion en esperanto, sed ne volas aĉeti libron. Plie, ĝi evidentigas kiel oni disvastigas la hispanan kulturon eksterlanden pere de esperanto.

Ni disponis priesperantajn informilojn en diversaj lingvoj por eventuala bezono ĉe malhispanoj. Ni dankas al Finna Esperanto-Asocio, Luksemburga Esperanto-Asocio, Itala Esperanto-Federacio, Triesta Esperanto-Asocio, kaj Esperanto Nederland, kiuj respondis al nia peto sendi informilojn sialingvajn tiu-cele. Dankindas ankaŭ UEA, pro sendo de plurlingvaj broŝuroj pri la Praga Manifesto.

Krom la pasintjarajn varojn (lernolibroj, vortaroj, informlibroj...), ĉi-jare eblis ankaŭ aĉeti ĉe la stando kaj Asterikson kaj Tinĉjon. La vendo-rezulto estis preskaŭ duobla ol tiu de pasinta jaro.

Per la komputiloj ni montris ekzemplojn de pluraj famaj libroj (La eta princo, Pipi ŝtrumpolonga...) tradukitaj en esperanton, elŝutitaj el la paĝaro de Franko Luin. Li metis en "esperanto.nu" e-Librejon: tio estas, kolekto da "elektronikaj" libroj. Vidu ĉe, http://esperanto.nu/eLibrejo/index.html

Kiel donaco al interesiĝanto, ni printis paĝon el ties plej ŝatata libro, sur kartonecan paperon (formato A5): temas pri memoraĵo de expolingua 2001, el la stando de esperanto.

Alia interesa ĉe-komputila montritaĵo: KD-romo kreita de Studio Antaŭen, el Torino, kiu bunte kaj alloge prezentas kaj la lingvon kaj plurajn aspektojn de la esperanta kulturo.

La 21an de aprilo, sabate, inter la 18.00 kaj la 20.00 horoj, Miguel Fernández estis ĉe la stando por subskribi librojn, kaj lasi sin intervjui de ĵurnalisto, bezonkaze. Nu, li ja subskribis kaj kontribuis per sia ĉeesto al libro-vendado, tamen neniu ĵurnalisto aperis tiam.

Ĝenerale, ĵurnalistoj faras sian laboron la unuan matenon de la foiro okaze de la inaŭguro. Tiel okazis ankaŭ ĉi-foje: Marcos Cruz estis intervjuita de "Tele Madrid" (li devis parkere eldiri la unuan frazon de "El Quijote" en esperanto!), kaj de RNE 1; Miguel Gtutiérrez Adúriz, de radio "Onda 6".

Denove ni kontentas pri la rezulto, ĉefe en rilato al la favora reago de homoj, ĉefe junaj, kiuj lasas senĝene kapti sin de la deĵorantoj por plenumi la ludo-teston. Vi certe memoras de pasintaj jaroj: amuzilo permesanta konatiĝi kun la lingvo per ma-



Ankaŭ li helpis

llongaj priskriboj de gramatikeroj, kiuj ebligas respondi prigramatikajn demandojn.

Ĉiu foirtago, ni lotis po du distajn kursojn inter tiuj, kiuj korekte respondis la demandaron.

Kiel oferto por Expolingua 2001, ni malaltigis la prezon de la dista kurso, tiel ke ni donis ĝin praktike kontraŭ nur ĝia kosto: 3.900 ESP se perreta, kaj 5.900 ESP se perpoŝta. Kompreneble, ĝi ne plu inkluzivas aniĝon unujaran al HEF, kaj aĉetantoj ricevos nenian periodaĵon, nur materialon kaj servon. Ne vendiĝis multaj, probable ĉar la plimulto preferis atendi la rezulton de la lotado, tamen ĝi vekis sufiĉan intereson.

Kvankam la bonaj rezultoj, ni cerbumas pri la ebleco partopreni la foiron nur ĉiun duan jaron, pro manko de monrimedoj. Sed en 2001, "Eŭropa Jaro de la Lingvoj", la ĉeesto de esperanto en Expolingua estis nepra, eĉ se HEF devis por tio fari financan penon. Espereble, semadon sekvos rikolto.

*Ana Manero*

# Grave!

La kongresanoj de la 60a Hispana E-Kongreso devos elekti la Estraron de Hispana E-Federacio por la venontaj kvar jaroj. Tial, pere de ĉi komunikaĵo, oni invitas la membrojn prezenti siajn eventualajn proponojn de kandidatiĝo al la Sekretario de la Asocio.

*Miguel Ángel Sancho, Prezidanto*

# Memmortigo plu

Delmiro de Caralt ne estis esperantisto. Li donis al sia filmo e-lingvan titolon por ke ĝi estu pli internacia. Fakte, la filmo estas tute senvorta. Foje, okaze de kataluna kongreso, oni prezentis ĝin. La intrigo rilatas al virinbezonanto (ĉi fakton oni malkovras nur en la fino) kiu sensukcese strebas al sinmortigo, ĝis li renkontas knabinon kiu helpas lin ĝui la vivon.

*Luz Vazquez*

**Atentu**: Esperanta grupo vendas poŝtkartojn el Hispanio senditajn al franca esperantisto inter jaroj 1900-1920. Petu detaladojn al <g.d.dauphin@wanadoo.fr> aux Guy Dauphin; 5bis rue Hauvy; 10300 Ste Savine; Francio (aldonu internacian respondkuponon)

# Alvoko al Ordinara Ĝenerala Kunsido

Konforme al nia statuto, la HEF-prezidando alvokas ĉiujn membrojn al la Ordinara Ĝenerala kunsido okazonta en Centro Cívico de San Javier kadre de la 60a Hispana Kongreso, la 24an de junio 2001, je la 11a horo, por pritrakti jenan tagordon:

1. Lego kaj eventuala aprobo de la protokolo de la antaŭa kunsido (San Sebantián de los Reyes, 1a de majo 2000).

2. Lego kaj eventuala aprobo de la dokumentoj prezentendaj al la Ministrejo de Enlandaj Aferoj, inkluzivante kontoetatojn kaj agadraporton. (Resumo de ili troviĝas en apudaj paĝoj, ĉi-numere.)

3. Ĉu okazigi nian venontjaran asembleon en Verona, Italio? (Vidu Boletín-348, paĝo 18)

4. La prezidanto raportas pri la agado de Fundación Esperanto.

5. Elekto de nova estraro por la periodo 2001-2005 (la sekretario atendas kandidatiĝojn).

6. Demandoj, petoj, proponoj.



# Fundación Esperanto

Kiel anoncite en Boletín, la Patronaro de Fondaĵo Esperanto kunsidis la 31an de januaro 2001 en Zaragozo. La konkretajn agadojn realigotajn en la kuranta jaro ni jam diskonigis sur la paĝoj de antaŭa numero de nia bulteno, do nun estas tempo informi pri la regularo de ĉiu programero.

** Fonduso por subvencii la agadon de E-Grupoj kiuj prezentos Esperanton ĉe foiroj kaj/aŭ ekspozicioj en la jaro 2001.*

— Buĝetita monsumo: 100.000 ptoj. La subvencipeton akompanu almenaŭ jenaj informoj: Nomo de la foiro aŭ ekspozicio kie partoprenis la Grupo, kaj dato kiam ĝi okazis. Konkretaj agoj plenumitaj dum la evento. Elspezoj de la Grupo pro la partopreno kaj konkretaj, eĉ proksimume, realigitaj pagoj.

** Fonduso por subvencii la E-Grupojn kiuj organizas kaj efektivigas E-kursojn en hispanaj universitatoj en la jaro 2001.*

— Buĝetita monsumo: 200.000 ptoj. La subvencipeton devos akompani almenaŭ jenaj informoj: Universitato kie okazis la kurso kaj ĝia akademia valoro (kreditoj). Mallonga raporto pri la kurso, se tiu jam okazis, aŭ perspektivoj rilate al ĝia disvolviĝo, se ĝi ankoraŭ ne okazis. Nombro da gelernantoj sukcese finintaj la kurson. Datoj de la kurso.

** Fonduso distribuenda inter la eldonantoj de libroj en Hispanio, en aŭ pri Esperanto, en la jaro 2001.*

— Buĝetita monsumo: 100.000 ptoj. La subvencipeto de la eldonantoj, aŭ kuneldonantoj, informu almenaŭ pri: Titolo kaj aŭtoro de la libro. Monato kiam ĝi estis eldonata. Temo pritraktita de la verko.

Jen ĉiuj subvenci-ofertoj por la jaro 2001. Kiel informite, la Patronaro ankaŭ aprobis fonduson de 150.000 ptoj por helpi hispanan esperantiston sekvi la oficialan studojn pri Esperanto kaj Interlingvistiko ĉe la Universitato de Poznan en Pollando. Bedaŭrinde la respondeculino de tiu universitata fako komunikis al Fondaĵo Esperanto ke oni ne proponos novajn postenojn por lernado de Esperanto en tiu pola universitato dum ĉi lerno-periodo. La projekto prokrastiĝas do ĝis la jaro 2002.

Ĉiuj subvencipetoj, kune kun la necesa dokumentaro, devos esti sendataj antaŭ la 15a de decembro 2001 al unu el jenaj tri adresoj: Fundación Esperanto; Cadena 20-22, 1 Iz; 50001 Zaragoza. Aŭ al José María Rodríguez; Apartado 3142; 14080 Córdoba. Aŭ al la retadreso de la Fondaĵo: "joser@lander.es".

Ni atentigas la eventualajn interesatojn ke nur tiuj efektive plenumintaj la programerojn en 2001 rajtos ricevi subvencion.

*José María Rodríguez*
*Patrono-Direktoro*



# Niaj Grupoj kaj Asocioj





La urbestra moŝtino vizitas la standon



Ĝenerala aspekto de la stando

## Asturio

En Gijón (Asturio) okazas de antaŭ du jaroj, la t.n. "Festo de la Lingvoj" kun la apogo de la magistrato, la regiona registaro kaj aliaj publikaj kaj privataj institucioj. La celoj de tiu ĉi aranĝo estas: diskonigi kaj festi la lingvan kaj kulturan diversecon kiel esencan heredaĵon de la homa civilizacio, disvolvigi la civitanan kapablon je akceptemo kaj interkomunikado, havigi al la lingvo-lernantoj eblecon praktiki ĝin kadre de aktiva kaj stimula reala interkomunikado, kaj progresigi la lernadon kaj uzadon de lingvoj kiel agrablan kaj riĉigan agadon.

Ĉi-jare, de la 13a ĝis la 16a de marto okazis la 3a el tiuj Festoj kadre de la "Eŭropa Jaro de la Lingvoj" deklarita de la Eŭropa Unio kaj de la Eŭropa Konsilantaro.

Astura Esperanto Asocio, kiu jam partoprenis en la du unuaj festoj, kunlaboris ankaŭ ĉi-jare kaj agadis surbaze de la sperto akirita en la antaŭaj okazoj. Nia mesaĝo al la publiko konsistis en tio ke Eŭropo aspiranta al unuiĝo devas alfronti la defion de la multlingveco ekzistanta en la kontinento. Ni insistas pri tio ke la multlingveco, krom kultura riĉeco, estas ankaŭ problemo kiu postulas konvenan solvon. Kiam malaperas la internaj eŭropaj landlimoj, ankoraŭ pludaŭras la lingvaj baroj kiuj persistigas senkomunikeblecon kaj la miskomprenon inter la popoloj. Por ni, la solvo de la problemo de la multlingveco ne estas la multlingvismo, sed la lingva





La infanoj estas nia estonteco.
Kiu estas la plej konvena maniero aliri la plej junajn?

solvo bazita sur la universala uzado de ponta idiomo, komuna, neŭtrala kaj facile lernebla. Cele montri al la publiko kiamaniere Esperanto plenumas tiun kondiĉon de facila lernado, nia E-Grupo preparis lerno-materialon kun klaraj eksplikoj pri la lingvaj fundamentoj kaj ties komparo kun la malfacilaĵoj ekzistantaj en kelkaj naciaj lingvoj.

Menciendas ke la celo de la Festo-organizantoj ne estas precize progresigi nian solvon, sed la lernadon kaj uzadon de diversaj lingvoj. Fakte, multaj iniciatoj kaj aranĝoj de tiuj la organizantoj kontraŭstaras niajn klopodojn kaj konscie malhelpas nia laboradon. Tamen, por ni, la partopreno en tiu aranĝo estas grava okazo por informi. Tial ni planas daŭre prezenti nian mesaĝon en tiuj Festoj dum tio eblos.

*Faustino Castaño*

# Ekstremaduro

Samideano José María Salguero kune kun kelkaj tre junaj gelernantoj vizitis en Madrido la esperantan standon de Expolingua.

*M. Zocato*

# Eŭskio

Daŭre okazas en Bilbao ĉe la Vaska Universitato la oficila kurso "Lenguas planificadas: Esperanto", pri kiu ni amplekse informos en la venonta numero de Boletín.

*J.M. García Iturrioz*

# Galegio

Komence de majo, Antoni Alonso, antaŭa Prezidanto de HEF, prelegis pri E-o en liceo de urbeto Bertamiráns, proksima al Santiago de Compostela. Ĉeestis 26 gelernantoj kaj du profesoroj. Kaj la prelego kaj la posta debato estis amik-etosaj kaj leĝeraj laŭ konvenis al la juna publiko. La materialo uzata estis: 1 kanto kaj 2 kanto-partetoj el kasedoj, 2 minutoj da Mazi, "diapozitivegoj" el la plej gravaj eroj de "Pro E", kaj inform-folioj.

*M. Parra*

# Kantabrio

Grandan konsternon kaŭzis ĉe la esperantistoj de la Komunumo la forpason de la homo, kiu prezidis la E-Asocion, s-ro Juan Antonio Madrazo, dum multaj sinsekvaj jaroj. Tamen, surbaze de lia ekzemplodona sindediĉo al Esperanto, la membroj de la kantabra asocio planas jam la reorganizadon de la agado en la regiono.

*M. Zocato*

# Katalunio

* 15-hora kurso okazis en kvartala kulturcentro "Centre Cívic de Ponent" de Reus (Tarragono) dum la unua kvarono de la nuna jaro. Ĝi estis programero ofertata de la magistrato. Tial ĝi aperis en la oficiala programbroŝuro eldonita de ĉi urba instanco. Tio signifas, interalie, ke la instruisto, Luz Vázquez, ricevis salajron (fakte sian unuan pro E-laboro!).

Aliĝis sep homoj, sed pro akcidento nur kvin ĉeestis la lecionojn. La kurso okazis malgraŭ tio ke la postulata kvanto da lernantoj por okazigi kurson organizitan de urbaj instancoj estas ok. Nun la lernantoj plu lernas ne en tiu kulturcentro, sed en publika lernejo kie la instruisto laboras.

*Luz Vázquez*

* La 23an de aprilo, tago de Sankta Georgo, kristana patrono de Katalunujo, KAE faris surstratan prezentadon de libroj pere de tablo starigita en centra placo de urbo Sabadell (foto: José M. Galofré, Urbestro de Sabadell s-ro Manuel Bustos



Garrido, kiu vizitis la standon, Santiago Torné kaj Luis Serrano.

*KAE.*

# Murcio

La 50a numero de Kajeroj el la Sudo legeblas jam ĉe:

Www.iespana.es/Esperanto/k50.htm

Kaj: http://storm.prohosting.com/jesuo/k50.htm.

*J. de las Heras*

# Tutlande

* En la retpaĝo de "El País" "Guía de recursos de Internet" aperas: Travlang's Translating Dictionaries, diccionarios bilingües de lenguas europeas, Esperanto y Latín. http://dictionaries.travlang.com

* Ciberpaís, aldonaĵo de la ĵurnalo El Pasís, mencias Esperanton rilate al la jam konata "statistiko" de la mondo reduktita al vilaĝo el 100 loĝantoj, de Philip Harter, indikante ke, interalie, ĝi aperas en brazila paĝo pri Esperanto:

http://www.elpais.es/c/d/temas/pacifico/pacif126.htm

Ankaŭ "Ciberpaís" mencias ke la Universala Deklaracio pri Homaj Rajtoj legeblas en Esperanto en http://www.carbonell.com.ar/ddhh.htm.

*Dario Rodríguez*

* Hef-anon Rodrigo Vaquera oni intervjuis la 24an de aprilo en la programo "Biblioteca de Alejandría" de 1-RNE (Nacia Radio).

*Ana Mamero*

* La 15a de aprilo aperis en la ĵurnalo "Hoy" de Badajoz ne mallonga letero sendita de s-ano Juan Narvaez al la direktoro. La argumentado baziĝas sur pluraj faktoj ĉerpitaj el interretaj informoj.

*M. Zocato*

# Valencio

* Augusto Casquero revenis el Bydgoszcz (Pollando) kie li ĉeestis la Ĝeneralan Estrar-kunsidon de Monda Turismo, kies vicprezidanto li estas. Li prelegis tri-foje pri "Ekologio en Suda Eŭropo", ka pri "La lingvoj de Hispanio" (kun speciala klarigo pri la diferencoj inter la kataluna kaj la valencia). Partoprenis prelegantoj el Belgio, Kanado, Pollando, Germanio, Italio, Hispanio, Hungario, Peruo, Rumanio, DP Kongo, Latvio, Slovakio, Estonio.

*M. Zocato*




* Grupo Esperanto de Valencia organizas karavanon al la UK en Zagreb.

* En julio okazos en la fakultato pri Filologio de Valencia la "11a Europa E-Forumo". Ĝia ĉeftemo estas "Ekologio en Suda Eŭropo", kaj jam anoncis sian ĉeeston esperantistoj el diversaj lando.



* Paula Novella estis elektita Reĝino de la Festoj de sia kvartalo. Ŝi kaj ŝia patro, Luis Novella, elektita Prezidanto en la solenado de la tipaj kaj keljarcentaj festoj "Fallas" de la hispana urbo Valencia, partoprenis dufoje la "Internacian Renkontiĝon de Folkloraj Orkestroj en Esperanto" (1998 kaj 2000) en Torun (Pollando), kie ilia folklora ensemblo Aragón atingis du foje la 1an Premion. La ensemblo, krom la kutimajn folklorajn pecojn, prezentis kantojn en Esperanto, inter ili la konatan kanton "Valencia". Ankaŭ okaze de la ĉeesto al tiu festivalo en Pollando, ili partoprenis la inaŭguron de la "Placo Esperanto" en la pola urbo Malbork, kie ili kantis ankaŭ en Esperanto.



La 9a Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj Turismo okazos en Lloret de Mar (Ĝirono) de la 29a de septembro ĝis la 6a de oktobro (Gran Hotel Don Juan). Kontaktu: 9a IESKT; Apartat 423, 08200 Sabadell; Tel: 937275021.

# Kurioze

* En 1905 la revuo "Aplech" publikigis artikolon pri Esperanto kaj la E-pioniroj de Figueres (Girona). Unu el ili estis la notario Salvador Dalí, patro de la fama samnoma pentristo, kiu partoprenis tiujare en la 5a U.K. en Barcelono. Lia kongresnumero estis 162.

*El "Nia Voĉo"*

Notindas ankaŭ ke dum tiuj famaj festoj en Valencia ĉi jare, oni konstruis specialan "falla"-n omaĝe al Doktoro Zamenhof kaj al Esperanto, kun ĉiuj tekstoj kaj ŝildoj en la du lingvoj: Esperanto kaj valencia. La temo de la belega "falla" estis: Omaĝo de la valencia lingvo al la lingvo Esperanto (vidu la foton sur la antaŭa paĝo).

"Falla" estas efemera monumento, konstruita el kartono kaj ligno, per kiu ĉiujare oni kritikas la homajn pekojn kaj malvirtojn, kaj kiuj fine de la festoj estas bruligataj kiel simbolo de la purigado de la socio. Ĉijare oni konstruis entute 630 en la tuta urbo Valencia, kun tuta kosto de ĉirkaŭ ses milionoj da eŭroj. Tiu festo estas kelkjarcenta, kaj ĝin spektis jam miliono kaj duono da vizitantoj.

*Augusto Casquero*

# UNICEF kaj UEA

Laborgrupo de NRO-j havantaj konsultajn rilatojn kun Unicef, la Infan-Fonduso de UN, pretigis lastatempe dokumenton pri la realigo de infanaj rajtoj en la unua jardeko de la tria jarmilo. La NRO-komunumo de Unicef celas transdoni ĝin al speciala sesio de la Ĝenerala Asembleo de UN dediĉota al infanoj.

UEA subskribis la dokumenton, sed ĝi atentigis pri tre grava manko en ĝi, nome ne-mencio de la rajto de la infanoj esti edukataj en la propra denaska lingvo, almenau en la elementa nivelo. La interveno de UEA donis fruktojn: en novan, reviziitan version de la dokumento eniris mencio pri "akcelado de gepatralingva instruado en la fruaj jaroj de la elementa lernejo".

UEA havas la statuson de konsultaj rilatoj kun Unicef ekde 1993.

La 57a IJK (Internacia Junulara Kongreso) de TEJO okazos de la 29a de julio ĝis la 5a de aŭgusto (tuj post la UK en Zagreb) en Strasburgo, sidejo de la Eŭropa Parlamento.




# TEJO

* TEJO informas pri la eko de sia ret-servo "TEJO-aktuale". Ĝi estas senpaga retrevuo, kiu aperas 1 fojon semajne kaj aboneblas sendante al "majordomo@esperanto.org" leteron kun jena enhavo:

subscribe tejo-aktuale

end

Atentu skribi tion en la mesaĝo mem, ne en ĝia temlinio.

Katja Ignatieva

* Somera Esperanto-kursaro en San Francisco invitas vin partopreni kun la ebleco akiri stipendiojn por via loĝado. Retpaĝo de la kursaro: <www.esperanto.org/nask>

* Ĵus naskiĝis Nepala Esperantista Junulara Organizo (NEJO), kies komitatanoj laboras pri la oficiala regularo de organizo kaj pri la ret-sidejo de la 4a Internacia Himalaja Renkontiĝo (IHR), kiu okazos en jaro 2002. Ramkriŝna Subedi "rksubedi@hotmail.com"

* Junulara kalendaro

01-10.07.2001, Kievo: Unua Ukrainia Junulara Tendaro; "lineckij@ukrpost.net"

10-15.07.2001, u.Dimitrovgrad (Uljanovaska, Rusio) Libera E-TendarO (LETO) "http://leto-en-dimgrad.krovatka.net" "leto_en_dimgrad@krovatka.net"

13-20.07.2001, Szombathely (Hungario); 14a Internacia Junulara Semajno (IJS) "Muziko - kiel internacia lingvo" "http://www.math.bme.hu/~hej" "hej@math.bme.hu"

15-20.07.2001, Brazilio (Brazilo); Brazila Esperantista Junulara Kongreso; "www.capitaldoesperanto.org.br"

17-21.07.2001, Zadar (Kroatio): 8a MIRO "ekologio kaj turismo" "http://pubwww.srce.hr/keja"

10-12.08.2001, Seulo (Koreio): 20a Komuna Seminario; "http://www.mobigen.com/~hiongun/homepage/ks.php"

13-23.08.2001, apud Uljanovsk, Meza Volgio (Rusio); Okcidenta Somera Junulara Esperantista Tendaro (OkSEJT); "grina@newmail.ru" aŭ "yuka@chat.ru"

20-21.10.2001, Cheboksari (Rusio): Lingva Festivalo; "asocio@chuvsu.ru"

27.10-04.11.2001, Stokholmo (Svedio): TEJO-seminario "Esperanto@Interreto" "http://www.esperanto.se/echei"




* Christer Kiselman, vicprezidanto de la Akademio de Esperanto informas ke dum la Universala Kongreso en Zagrebo okazos internacia simpozio pri lingva planado kaj leksikologio.

Sub la aŭspicioj kaj kun la subteno de la Kroata Akademio de Sciencoj kaj Artoj. Kaj la fermo kaj la malfermo okazos en la ejo de la landa akademio. la Iliria Halo.

* Samarkandaj esperantistoj preparas internacian letervesperon (aŭgusto 2001) dediĉitan al la 10-jariĝo de de la sendependeco de la Respubliko Uzbekistano. Ĉiuspecaj tiutemaj materialoj (salutleteroj, reeĥoj, vojaĝimpresoj, nacilingvaj gazetartikoloj, libroj, turismaj broŝuroj, kantoj, poemoj, dokumentoj, fotoj, desegnaĵoj ktp pri Uzbekistano, fakte ĉio ajn pri la temo (eĉ fotoj de vialandaj vendejoj/ restoracioj kc portantaj nomon "Samarkando", "Buĥara" ks!) estas tre bonvenaj kaj atendataj.

Ĉiujn sendaĵojn oni eksponos en speciala ekspozicio. Krome, la plej aktivaj kontribuintoj ricevos specialajn uzbekiajn memoraĵojn. Bonvolu adresi ĉion al: Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro, P.O. Box 76, UZ-703000 Samarkando, Republiko Uzbekistano. Retadreso: peacetur@samarkand.uz

* Ne aparte trafa ŝajnas la decido de la eldonantoj de "Paŝoj al plena posedo" de W. Auld (LF-koop) malaperigi la adresaron el 83 landaj E-asocioj, grandparte aliĝintaj al UEA, kiu dum 30 jaroj, ĉiam aperis aktualigita en la la 6 antaŭaj reeldonoj, inkluzive de la lasta fidela reeldono ankoraŭ normale havebla eldonita de Edistudio, 228 p. 1999, 12 eŭroj.

* IKEF, Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo, eldonis sindikatan terminaron de Eŭropa Unio. Ĝi estas kvarlingva: angla, franca, germana kaj esperanta. La vortoj estas alfabete ordigitaj laŭ la germana. Kompreneble ankaŭ aperas Esperanto-indekso, kiu permesas facile trovi ĉiujn E-terminojn.

* Ĉina Radio Internacia elsendas por Eŭropo en Esperanto laŭ jenaj ondolongoj kaj horoj: Inter 20:00-20:30 je 41,29 m 7265 kHz, 30,11 m 9965 kHz kaj 42,19 m 7110 kHz. kaj inter 22:30-23:00 por Latin-Ameriko je 30,43 m 9860 kHz kaj 25,64 m 11700 kHz.



# 60a Kongreso

*San Javier* estas bela urbo (74,2 km2) kun plaĝo kiu longas 23 km ĉe la Malgranda Maro kaj 16 km ĉe Mediteraneo.

Ĝia speciala situo puŝas ĝin al duobla sindediĉo: agrokultura kaj marista. Tion pruvas la fakto ke la kvartaloj *El Mirador, San Cayetano, La Grajuela, Tarquinales, Pozo Aledo* kaj *Roda* prosperas agrokulture, dum Santiago de la Ribera estas plene dediĉita al fiŝkaptado.

Nuntempe ĝi fariĝis trankvila kaj bela turisma loko, same kiel la tuta *Manga del Mar Meno*r, turisma centro je internacia nivelo.

*Santiago de la Ribera* estas loko kun perfekta urba strukturo, modernaspekta, kun bela apudmara promenejo plena je palmoj laŭlonge de ampleksa plaĝo. En ĝi troviĝas la Ĝenerala Akademio de la Aerarmeo, bonega Naviga Klubo, Lernejo de Navigaj Aktivecoj, Plursporta Klubo, kio donas al la loko grandan navigan kaj altsportan etoson.

# Murcio: turismaj itineroj

## 1a Itinero: Mar Menor

Murcia - Mar Menor - Cabo de Palos - Cartagena - Murcia. La vojo longas 120 Km. Interesaj lokoj: la malgrandaj vilaĝoj ĉe Mar Menor (La Puntica, Lo Pagán, La Ribera, Los Alcázares, Los Urrutias, Los Nietos kaj Islas Menores), Cabo de Palos, La Manga, Mineja zono La Unión, Petrol-distilejo Escombreras kaj Cartagena.

Allogaĵoj: banado kaj maraj sportoj. Vizito al la tipaj ventmuelejoj, kiuj staras sur la Cartagena kamparo, proksime de El Algar. Kaj, en Cartagena, vizitado de *Kastelo de la Concepción*, ruinoj de la Preĝejo *Santa Maria la Vieja*, restaĵoj de *Torre Ciega*, preĝejoj *Santa Maria de Gracia* kaj *Caridad*, Arkeologia Muzeo kaj la submarŝipo de Isaac Peral.

Speciale menciindas *La Manga*, kiu longas 21 km kaj larĝas 500 m., kun multnombraj turismaj konstruaĵoj, hoteloj, kazino, sporta haveno, kaj unikaj allogaĵoj por multspecaj agadoj. Ĝi estas senkompara loko, kie oni povas ĝui du marojn: Mediteraneo kaj *Mar Menor.*

## 2a itinero: rivero Segura

Vojaĝo tra Archena, Villanueva del Segura, Ulea, Ojós, Ricote, Blanca, Abarán, Cieza kaj reveno al Murcia. La vojo longas 90 Km. Interesaj lokoj: instalaĵoj de la Archena banloko, situantaj en belega angulo ĉe rivero Segura, kun naĝbaseno, ĝardeno kaj la hotela konplekso. Belaj kamparaj vilaĝoj plenaj de fruktarboj (acidfruktoj, persikoj kaj abrikotoj), kiel Ojós kaj Abarán. Allogaĵoj: La kuracaj akvoj de Archena kaj la grandiozaj panoramoj.

## 3a itinero: la horto (la huerta).

La vizito ekiras de Murcia al Molina, Lorquí, Ceutí, Alguazas, Torres de Cotillas, Alcantarilla, revenas al Murcia kaj fine, trairas Santomera kaj Beniel.

La vojo longas 75 Km. Vojaĝo por admiri parton de la tiel nomata "huerta" (horto), kaj la precipajn kompleksojn, kiuj rilatas al la fruktarbaj produktado kaj konservindustrioj, situantaj en la diritaj vilaĝoj. En Alcantarilla oni povas admiri grandan radon, similan al tiu tre konata de La Ñora, artefaritaĵo de araba deveno destinita por levi la akvon kaj irigacii la kamparon.

## 4a itinero: Sierra Espuña

Murcia, Alhama, Sierra Espuña, Aledo, Totana, Mazarrón. La vojo longas 180 Km. Oni revenas al Murcia.

Interesaj lokoj: Sierra Espuña, Aledo, Sanktejo de Santa Eulalia proksime de Totana kaj la strandoj de Mazarrón.




Allogaĝoj: Apud la belegaj hortoj de acidfruktoj kaj pirarboj en Alhama kaj Totana, la grandega pinaro en Sierra Espuña; la ĉarmeco de la Aledo, vilaĝo ne modifita de la progreso, kiu ankoraŭ konservas en tre bona stato la *Atalaya* aŭ *Torre del Homenaje* de la kastelo de la *Caballeros de Santiago*, kaj la belaj plaĝoj de *Mazarrón, Puerto, la Isla kaj La Reya; San Ginés, Isla Plana, Bolnuevo*, ktp.

## Itinero nº 5:

## la monumentoj

Murcia - Lorca - Aguilas - Murcia. La vojo longas 220 Kmj. Interesaj lokoj: Lorca kaj Aguilas. Allogaĵoj: la hortoj, la Urbodomoj de Lorca, konstruitaj en 1677a jaro; La kanonika-pregejon de San Patricio, konstruita meze de la 16a jarcento; La Biendomon de Guevara, majstra kontruaĵo de la provinca civila arkitekturo. En Aguilas la plaĝoj kaj la urbo de romia deveno, restaŭrita en la epoko de la reĝo Carlos 3a.

## 7a itinero: la vino

Murcia-Jumilla-Yecla-Murcia. La vojo longas 220 Km. Interesaj lokoj: en Jumilla la preĝejo *Salvador*, kaj, 5 Km for., la monaĥejo *Santa Ana del Monte*, ĉarma kampara loko, kaj la antikva kastelo; Arkeologia Muzeo, kiu entenas interesajn trovaĵojn de la neolitika, bronza, ibera, kaj romia epokoj. Yecla, kune kun la fama monteto *Los Santos*, apud la monto Arabí, multvaloraj arkeologiaj tavoloj kaj surrokaj pentraĵoj; la preĝejo *El Salvador* kaj aliaj. Merititan bonan reputacion havas la vinoj de Jumilia kaj tiuj de Yecla, kun alta, grado de alkoholo.

# Biblioteko Juan Régulo

En la pasinta numero mi iom skizis la evoluon kaj nunan staton de nia biblioteko. Ĉinumere, mi faros proponon por dividi ĝian enhavon kun aliaj grupoj.

Pluraj el la bibliotekaj volumoj estas duoblaĵoj kaj la loko disponebla en la oficejo ne grandas, tial HEF donacos tiujn duoblaĵojn al la grupoj interesiĝantaj. Tio permesos, unuflanke, pliriĉigi iliajn bibliotekojn aŭ ekkrei ĝin, se ĝi ankoraŭ ne ekzistas, kaj, aliflanke, disponigi ioman spacon ĉe nia biblioteko, por ke novaj libroj povu komforte surbretiĝi.

En sekva listo, legeblas la titoloj donacotaj, kiujn la grupoj petu laŭ prefero. HEF sendos ilin nur kontraŭ la sendokosto kaj plenumos la petojn laŭ strikta ordo de alveno.

Kompreneble, asocioj aliĝintaj al HEF havas unuan rajton. Ni akceptos ties petojn ĝis la 31a de septembro. Poste, ankaŭ nealiĝintaj grupoj havos sian ŝancon.

Kiam la tuta proceso finiĝos, oni publikigos liston de ricevintoj kun la respektivaj akiritaj titoloj.

Nu, ne hezitu. Kompletigu la libro-kolekton de via grupo per HEF-donacoj!

*Ana Manero*

2166; Altenberg, Peter; Skizoj; 1980

2213; Azorín, Francisco; Adamo kaj Eva; 1954

3289; Azorín, Francisco; Universala terminologio de la arkitekturo; 1932

2830; Berthelot, p. kaj Lambertch; Komercaj leteroj; 1908

2781; Blicher, St.; Taglibro de vilaĝ-pedelo; 1922

2523; Bovet, Pierre; Enketo pri Internacia Helplingvo; 1948

2001; Bretescu-Voinesti, J.Al.; Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj; 1927

2996; Camacho, J. kaj Cruz, M.; Esperanto-kurso. Versio 1.0 (1993 01 07); 1993

3304; Camacho, Jorge kaj Cruz, Marcos; Curso de Esperanto (versión preliminar 1992 12); 1992

3294; Candido Xavier, Francisco; Nia hejmo; 1959

3037; Cándido Xavier, Francisco kaj Caio Ramacciotti; Infanoj en la transmondo; 1995

2102; Cervantes, Miguel de; Du junaj fraŭlinoj / Korneliino; 1927

3234; Cervantes, Miguel de; inĝenia hidalgo Don Quijote de La Mancha, La; 1977

2732; Dekker, Maurits; mondo ne havas atendejon, La; 1951

2188; Deneva, Daniela; Matematika terminaro; 1985

3389; Diego, Fernando de; Nuevo método de Esperanto para clases y autodidactas; 1982

2032; Eckstein, Ernst; vizito en la karcero, La;

4555; El Popola Ĉinio; Skizo pri Ĉinio; 1981

3054; Escrivá De Balaguer, José María; Vojo; 1968

3225; 2634; Fernández Flores, Wenceslao; Filozofio de Fantomo; 1959 (2 ekz.)

3226; Fradier, Georges; Oriento kaj Okcidento. Al reciproka kompreno?; 1959

4594; Galadí Enríquez, David kaj Wandel, Amri; Elementa kurso pri astronomio;

2826; García Caballero, Manuel; Corriente y charca; 1921

2143; 2800; Grabowski, Antoni; Postrikolto; 1921 (2 ekz.)

2198; Grau Casas, Jaume (Kompilinto); Kataluna antologio; 1931

3250; Grosjean-Maupin, E. kaj G.Waringhien; Plena Vortaro de Esperanto kun suplemento; 1964

3210; Hess, Jorge; Sabe usted Esperanto? Curso práctico de la Lengua Internacional; 1962

2200; Hristovski, Trifon; Mia vivo; 1981

3129; Inglada, Vicente; Edziĝo malaranĝita aŭ terura nekompreniĝo; 1907

3423; 3280; Inglada, Rafael; Esperanto en 20 lecciones, El; 1931 (2 ekz.)

3038; Jung, Teo; esperanta konjugacio, La (unua parto); 1965

3039; Jung, Teo; esperanta konjugacio, La (dua parto); 1966

2192; K. R.; Reĝo judea, La; 1923

3047; Kalocsay, Kálmán; Vojaĝo inter la tempoj; 1966

3241; Kritz, Reuven; Freŝa mateno; 1967

2084; Lambert, Charles; Bukedo; 1908

2215; Lapenna, Ivo; Aktualaj problemoj de la nuntempa internacia vivo; 1952

3216; Lapenna, Ivo; Elektitaj paroladoj kaj prelegoj; 1966

3042; Lapenna, Ivo; Hechos fundamentales acerca de la lengua internacional (esperanto); 1965

2434; Lapenna, Ivo; problema lingüístico en las relaciones internacionales, El; 1974

2691; LIENHARDT, Albert; Amuzaj dialogoj en Esperanto; 1973

3274; López Luna, A.; Memoraĵetoj; 1979

2899; López Luna, A.; Nun kune; 1993

3145; López Villanueva, A.; Sintaxis de la lengua internacional esperanto;

3015; Luikkonen, Lauri kaj aliaj; Kune ni kantas dum la 80a UK en Tampereo;

2907; Luyken, H.A.; Stranga heredaĵo; 1922

2576; Machado, Antonio; lando de Alvargonzález, La; 1969

2776; Mangada Rosenörn, Julio; Avila; 1925




2324; 2802; Mangada Rosenörn, Julio; Ferdinando 6a kaj Farinelli; 1920 (2 ekz.)

2229; 2638; Mangada Rosenörn, Julio; Helpanta temaro (por lernigi rapide Esperanton); 1934 (2 ekz.)

3128; 2635; Mangada Rosenörn, Julio; Praktika temŝlosilo esperanta por ĉiuj landoj; 1916 (2 ekz.)

3422; 3263; Mangada Rosenörn, Julio; Santander; 1933 (2 ekz.)

2301; Mangada Rosenörn, Julio; Versaĵaro;

3333; Mangada Rosenörn, Julio; ¿Qué es el Esperanto?; 1928

4659; Martínez Tejero, Vicente; Lumen Apothecariorum V. (Recuerdo homeopático a Luis Buñuel); 2000

2823; Mazzini, Giuseppe; Devoj de la homo; 1922

2801; Merimee, Proper; Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj; 1926

2351; Mimó, L.; Decidaj argumentoj. Postparolo kaj studo pri la participoj, komplementaj al la verko Perfekteco de la Esperantaj Verboj; 1963

3232; Mimó, L.; Lernolibro de esperanto.

2525; Minor, Karl; Pro Dio! ne Esperantiston!; 1924

2810; modernas humanidades, Las;

2775; Moliére; avarulo, La;

2517; Montejro, Niŭton J.; Laŭsistema studo de funkcioj; 1960

2803; Montserrat, Ferd.; Pro Esperanto . Resumen de la gramática y vocabulario arreglado para la propagación del idioma internacional auxiliar esperanto; 1928

3187; Murgin, Canko; Progresemaj momentoj en la ideologio de L.L.Zamenhof; 1985

3261; Nájera, Isabel; Esperanto y comunicación humana; 1991

2672; Nakagawa kaj aliaj; Japanaj rakontoj;

2562; Núñez Dubús, A.; Eterneco; 1966

2698; Orzesko, E.; Bona sinjorino; 1924

3213; Paluzie Borrell, J.; Lexicón Sopena. Diccionario de bolsillo esperanto- español / español-esperanto; 1967

3116; Pawel Bielinski, Józef; Gramatika ekzercaro de E-o; 1990

2905; Percvalov, D.A. / Arolovi ĉ; Defendi la pacon, preventi nuklean militon; 1982

2353; Piéro, Julia; tero kaj etero, El; 1964

3229; Pirón, Claude; Confesiones de un loco europeo; 1977

4558; Pirón, Claude; Gerda malaperis!

2452; Pluraj aŭtoroj; 18aj Internaciaj Floraj Ludoj; 1979

3327; Pluraj aŭtoroj; El la Biblio . Elektitaj ĉapitroj de la Psalmaro, Sentencoj de Salomino kaj Predikanto.

2462; pluraj; Legolibreto; 1909

2789; pluraj; Pri Cervantes kaj lia famkonata verko El Quijote; 1915

2953; Pompilio, G.G. (Redaktinto); Kongresa libro 53a UK 1968; 1968

3208; Privat, Edmond; Karlo; 1968

2362; Prus, B.; faraono, La [unua volumo]; 1907

2879; Raporto de la 3a Iberia Kongreso Esperantista; 1925

3150; Raportoj de la 7a Hispana Kongreso de Esperanto; 1928

4656; Régulo Pérez, Juan; Necesidad histórica y valor literario del esperanto; 1999

3275; Reiersol, Olav; Matematika kaj stokastika terminaro esperanta. n-ro:2; 1994

2246; Ruiz, Juan Carlos/Fighiera, Gian Carlo; Datos acerca del movimiento esperantista (1887-1987); 1987

2120; Saĝulo; Kiel ni plibeligos la vivon; 1908




3035; San Millán Alonso, Rafael de; Mia Poezio; 1932

2745; Sánchez Cantín, F.J.; Hispanujo; 1926

3144; Sanz Bueno, Lupe; Historia del Esperanto en Madrid; 1993

3130; Savu la infanojn!; 1920

2503; Sczypiorki, Andrzej; Sub la nobla ĉevalo; 1964

2741; Schmidt-Goth, Reinold; Gustaf Vasa; 1910

3288; Schwerin, P. E.; Gaja Leganto per esperanto; 1997

4629; Sekelj, Tibor; Curso fundamental de esperanto para los países iberoamericanos; 1970

4631; Selso, Diego; Mirinda lando; 1966

2097; sentencoj de Salomono, La; 1909

2737; Sociedad EspaÑola Esperantista; ¿Qué es el Esperanto?

2323; Soriano, Trinidad; Reglamento Federación Esperantista Andaluza; 1917

3119; Stanev, Emilijan; Ŝtelisto de Persikoj; 1985

3102; Steele, Trevor; Remember and Forget. Short stories from the northern mountains; 1995

2887; Subsecretaría de Turismo; Hispanio por vi; 1965

3132; sufero de germanoj apud la rejno, La; 1922

2766; sufero de germanoj apud la rejno, La; 1922

3235; Szerdahelyi, István; Esperanto 1. Internacia lernolibro por la lerneja junularo; 1972

3249; Tajĝiĉjuan. Speco de ĉina korpoekzerco; 1964

4657; Trujillo Casaðas, Leandro; Santa Cruz de la Palma y el Esperanto; 2000

3176; Tudela Flores, Ernesto; Vocabulario Español-Esperanto; 1966

2269; UEA; Jarlibro 1955 [unua parto]; 1955

2270; UEA; Jarlibro 1960 [unua parto]; 1960

2271; UEA; Jarlibro 1962 [unua parto]; 1962

2272; UEA; Jarlibro 1963 [unua parto]; 1963

2273; UEA; Jarlibro 1964 [unua parto]; 1964

2274; UEA; Jarlibro 1965 [unua parto]; 1965

2873; UEA; Universal Esperanto-Asocio en la juĝo de la esperantistoj; 1923

2256; Van Wijk N.F.K. & Elias, E.; Nederlando, miraklo el la akvo;

4592; Vapcarov, Nikola; Kantoj de motoroj; 1987

3381; Vinar, Valdemar; skandalo pro Jozefo, La; 1981

3133; Vortaro de komercaĵoj (Aldono al la dua volumo de l'foire adreslibro de la internaciaj foiroj de Frankfurto a M.);

3230; Walter, C.; Esperanto. La lingvo internacia facila por vi; 1960

2449; Walton, G.D.; Ĉies Fatimo; 1965

3009; Zamenhof, L. L./Ménil, F. de; espero, La (por ĥoro).

## 11a Eŭropa Esperanto-Forumo

Valencia 14-19 julio 2001. Temo: "Naturprotektado". Provizora programo:

14an de julio, sabato: 10:00 Disdonado de dokumentoj; 10:30 Malfermo de Libroservo; 10:00 Kurso de Esperanto; 12:00 Prelego 1; 16:00 Ekveturo al la vilaĝo Cheste; 17:00 Kultura vizito; 19:00 Muzika Festivalo; 21:00 Paelo kaj "Sangría"; 22:00 Reveno al Valencia.

15an de julio, dimanĉo: 10:00 Duontaga kultura vizito al historia Valencio; 16:00 Plaĝumado ĉe Malvarrosa.

16an de julio: 10:00 Malfermo de la Forumo; 11:00 E-Kurso; 12:30 Prelego 2; 16:00 Kultura vizito; 19:00 Muzika Festivalo.

17an de julio, mardo: 10:00 E-Kurso; 11:30 Prelego 3; 12:30 Kolokvo; 15:00 Vizito al la impona "Ciudad de las Artes y las Ciencias"; 20:00 Nokta vizito ĉe tipaj lokoj.

18an de julio: 10:00 Kurso de Esperanto; 11:30 Prelego 4; 12:30 Video-prezentado; 16.00 Muzika prezentado; 17:00 Kolokvo; 18:00 Fermo de la Forumo.

19an de julio: 10:00 Tuttaga ekskurso al la lago Albufera kaj Palmar.

Prezoj: loĝado en unulita aŭ dulita ĉambro de universitata hotelo, kun propra banĉambro, + matenmanĝo, por 5 tagoj + aliĝkotizo: 17.000 ptoj.

Junulara Gastejo: loĝado plus matenmanĝo, en 4-litaj ĉambroj kun banĉambroj 2.100 ptoj tage (nur junuloj sub 26 jaroj), kaj 2.600 por pli aĝaj homoj. Oni devas kunporti propajn litaĵojn kaj bantukojn.

*Augusto Casquero*

## Pri Boletín

Iam mi aperigis en la ret-listo Esperanto-en-Hispanio mian opinion ke por la hispana ni jam havas sufiĉe da ĵurnaloj, kiel ABC, El Mundo, El País ktp. Sed nun, mi iom ŝanĝis mian opinion. La ideo ke Boletín, en la hispana, plus la eŭska, la kataluna kaj la galega, povos taŭgi kiel propagandilo por ĵurnaloj, aŭtoritatoj, ktp. estas vere atentinda. Ankaŭ en aliaj landoj aperas priesperantaj gazetoj en nacia lingvo. Mi eĉ proponus ke, inverse al la ideo aperigi kvarpaĝan suplementon en niaj 4 naciaj lingvoj, oni povus aperigi Boletín precipe en la 4 hispanaj lingvoj kun interna suplemento en Esperanto, ja la esperantistaro havas tutesperantajn gazetojn, do, sufiĉas aboni, krom Boletín, iun ajn internacian gazeton por praktiki nian lingvon aŭ legi E-retgazetojn.

Eĉ pri la 4 hispanaj lingvoj: eble oni prefere uzu nur la hispanan. Mi estas ja defendanto de la plurlingveco de Hispanio, sed se Boletín devos utili kiel propagandilo ĉe aŭtoritatoj, ĵurnaloj, ktp., eble ĝi efikos pli se precipe hispanlingva, kun iom da esperanta teksto. Mi ĉiam memoras ke eŭska politikisto, kies nomon mi forgesis, okaze de oficiala diskurso en Katalunio petis senkulpigon ĉar li ne povis paroli katalune, aldonante ke li faris la paroladon hispane, "ĉar la hispana estas la esperanto de Hispanio".

*Darío Rodríguez*

# Esperanto... la unua!

## Kompara pritakso de interpretaj ecoj de la lingvo pere de la metodo de inversa traduko

Nia tempo karakteriziĝas per informa eksplodo. Tio ĉi okazis pro la aperinta atingebleco de speciala medicina literaturo, foto kaj vidmaterialoj, kaj interreto. Aliro al giganta mondo de informo ebligas grave pliriĉigi siajn konojn kaj konatigi aliajn homojn kun sia laboro.

Sed, bedaurinde, ne ekzistas unika lingvo, kiu permesus labori kun literaturo sen malfacila kaj laboriga stadio de tradukado el sia patrolingvo al aliaj lingvoj kaj male.

En sia laboro ni starigis la celon: esplori kiu el lingvoj-perantoj permesos adekvate interpreti medicinan tekston el rusa lingvo al ekzamenata lingvo kaj male.

Kiel komparnormo estis prenita la teksto sur la paĝo kun la formato A4, de meza komplikeco, kun negranda kvanto de specialaj terminoj. La ekzamenitaj lingvoj estis:

1. Angla; 2. Franca; 3. Germana; 4. Esperanto; 5. Latina; 6. Angla komputila «Magic Gooddy»

La tekston tradukis .instruistoj de Krasnojarska ŝtata medicina akademio kaj Krasnojarska ŝtata universitato, kaj poste tekston tradukis al rusa aliaj instruistoj (ne konataj kun la rusa originalo).

Post tio la komisiono el 5 homoj komparis la rezultojn kaj elektis la plej taugan lingvon.

Estis ricevitaj sekvaj rezultoj:

al komunuza medicina lingvo (latino) oni ne kapablis traduki, ĉar ne estis sufiĉe kvalifikita tradukisto.

La perkomputila traduko okupis nur du minutojn, sed la kvalito estis la plej malbona, nelegebla, ne interpretita. Eblas kompreni nur ĝeneralan sencon.

Se distribui la lingvojn lau adekvateco de la traduko, lau niaj tekstoj, tiam rezultas sekva bildo: (vidu la apudan tabelon).

1. La plej adekvata estas la lingvo Esperanto. Krome, rimarkindas ke la tradukistoj, uzintaj tiun ĉi lingvon, havas la plej malgrandan staĝon. Sed, malgrau tio, iliaj tradukoj rezultis la plej precizaj, kio konfirmas la flekseblecon de la lingvo kaj facilecon de ĝia lernado.

2. Sur la dua loko ni elektis francan lingvon.

3. La kvalito de la traduko pere de germana kaj angla lingvoj rezultis proksimume egala.

Tiamaniere ni rekomendas por lernado la lingvon Esperanto, ĉar ĝi ne postulas grandan staĝon por adekvata tradukado, ĝi estas sufiĉe fleksebla kaj ne postulas grandan elspezon de fortoj.

| Traduko | Staĝo de tradukisto | Uzado de vortaro | Tempo de tradukado |
|---|---|---|---|
| Rusa-angla | 23 jaroj | 6 foje | 50 min. |
| Angla-rusa | 23 jaroj | 2 foje | 45 min. |
| Averaĝo | 23 jaroj | 4 foje | 47,5 min. |
| Rusa-germana | 20 jaroj | 21 foje | 90 min. |
| Germana-rusa | 16 jaroj | 2 foje | 50 min. |
| Averaĝo | 18 jaroj | 11,5 foje | 70 min. |
| Rusa-franca | 5 jaroj | 12 foje | 60 min. |
| Franca-rusa | 23 jaroj | 6 foje | 60 min. |
| Averaĝo | 14 jaroj | 8 foje | 60 min. |
| Rusa-esperanto | 1 jaro | 6 foje | 45 min. |
| Esperanto-rusa | 0 jaro | 5 foje | 60 min. |
| Averaĝo | 0,5 jaroj | 5,5 foje | 52,5 min. |

Volkov A.S., Ŝĉebenjkov V.J.; Krasnojarska Ŝtata Medicina Akademio
Katedro de Fremdaj Lingvoj; Gvidisto: supera instruisto Tropina I.N.

# Muziko




La diskeldonejo Vinilkosmo havas nun propran retejon: "www.vinilkosmo.com". Eblas aŭskulti E-muzikajn specimenojn (disponeblas jam 40 titoloj) kaj mendi la diskojn. La tekstoj aperas en E-o, franca kaj angla; sed oni serĉas jam kunlaboranton por aldoni la hispanan.

# Pacpremio de Nobel

Universala Esperanto-Asocio estas kandidato por la ĉi-jara Pacpremio de Nobel. Laŭ provizoraj informoj, UEA estis kandidatigita de membroj de registaroj aŭ parlamentoj almenaŭ el Francio, Korea Respubliko, Kroatio kaj Litovio, kaj de proponrajtaj universitataj profesoroj almenaŭ el Ĉeĥio, Hispanio, Korea Respubliko, Kroatio kaj Usono.

Jen tri pliaj kontribuoj al la interesa artikolo de Lorenzo Noguero aperinta en Boletín 346.

# Esperanto en ne-esperanta litera turo

* "La regla de tres" (La regulo de tri) de Antonio Gala, 1a parto, dua ĉapitro:

—La música sí que puede encararse con la muerte y preguntarle dónde está su victoria. Es el auténtico esperanto, el idioma universal que empieza donde no alcanzan los otros, y nos revela la esencia íntima del mundo.

Sendis *Ana Manero*

* El túnel (La tunelo) de Ernesto Sábato (1948). Seix Barral. 3a eld. 1979.

"Existen en la sociedad estratos horizontales, formados por las personas de gustos semejantes, y en estos estratos los encuentros casuales (') no son raros, sobre todo cuando la causa de la estratificación es alguna característica de minorias [...] ¿Es razonable atribuir al azar estos encuentros repetidos? Pero estoy diciendo una trivialidad: lo sabe cualquier persona aficionada a la música, al esperanto, al espiritismo".

Sendis *Lorenzo Noguero*

* El paraíso políglota (La poliglota paradizo) de Juan Ramón Lodares, oka ĉapitro:

"Algunos, como Unamuno, incluso contribuyeron a la creación de un dialecto bilbaíno imaginario. Era una especie de esperanto entre eusquérico y castellanoviejo, para darle una seña de identidad particular a la gente de Bilbao (no tardó mucho don Miguel en reconocer que aquello había sido un pecadillo de juventud)."

Sendis *Ana Manero*



La 22an de aprilo forpasis en Santander la Prezidanto de la Kantabra E-Asocio, s-ro Juan Antonio Madrazo Aranguren.

Li estis esence bona homo, homo tolerema kiu plene fordonis sin al sia familio kaj al Esperanto. Nur danke al li, la torĉo de la internacia lingvo daŭre lumis en nia regiono en la obskuraj postmilitaj jaroj.

Senlaca instruisto, propagandisto, partoprenanto de E-kongresoj kaj aliaj kulturaj E-eventoj, li, kune kun aliaj e-istoj, fondis en 1977 ACE, kiun li seninterompe prezidis ĝis nun.

Honoron al vi, kara Antonio!

* **La lada tambureto** (1959) Günter Grass (1927). El la germana tradukis Tomasz Chmielik. Bielsko-Biala: KLEKS, 2000. 533 p. ISBN 83-7194-079-3. 21 cm. Bind. Serio Oriento-Okcidento 33a n-ro.

* **La tago kiam Jesuo perfidis Judason** Manuel de Seabra. Vieno: IEM, 2001. 136 p. ISBN 3-901752-20-X. 23 cm.

* **Marta** Eliza Orzeszko. El la pola tradukis L.L. Zamenhof. Bielsko-Biala: KLEKS, 1999 (5a eld.). 256 p. ISBN 83-7194-020-3. 21 cm. Bind.

* **Malmalice** Johán Valano. Vieno: IEM, 2001 (2a eld.). 64 p. ISBN 3-901752-22-6. 23 cm.

* **La strategio de Esperanto en la nova jarmilo** *Diskutkajeroj n-ro 4*. Gian Carlo Fighiera (1929), Rotterdam: UEA, 2000. 24 p. 21 cm.

* **Ni dancu en la rondo** *k-disko kun brazilaj infanaj kanzonoj*. Kantas Flávio Fonseca kaj Cristina Pancieri. Brasília: Brazila E-Ligo, 2000. 31 min.

* **Ni tostu la verdan fortunon** *k-disko*. Georgo Handzllik. Bielsko-Biala: KLEKS, 1999. 51 mim.

* **Sferoj-10** *Sciencfikcio kaj fantasto*. Kompilis Miguel Gutiérrez. Santander: Grupo Nifo, 2000. 206 p. ISBN 84-607-0788-1. 21 cm. Ilus.

* **Enkonduko en la japanan** Yamasaki Seikô (1929). Chapecó: Fonto, 2000. 181 p. 21 cm.

* **En la komenco estas la vorto** Geraldo Mattos (1931). Chapecó: Fonto, 2000. 166 p. 21 cm.



## Jen aperis

* **Apartaj mondoj: verboj kaj participoj** Geraldo Mattos (1931). Chapecó: Fonto, 1999 (2a eld.). 88 p. 21 cm.

* **Sava la savontino** *Esotera sciencfikcio*. Gerad Cool. Pazarĝik: Belloprint, 2000. 230 p. 20 cm.

* **Turisma Esperanto-Kalendaro 2001** Monda Turistmo.

* **Dua Bulteno** *86a Universala Kongreso de Esperanto*. UEA.

* **Liza kaj Paŭlo** Reto Rossetti. Esperanto-Asocio Britio. 5a eldono, 1994. Plus Sonkasedo. Sondramo por stimuli la studadon de Esperanto.

* **La kosmo kaj ni**. *Galaksioj, planedoj kaj vivo en la universo*. David Galadí-Enríquez (1969), Amri Wandel (1954). Antverpeno: Fundación Esperanto/Flandra E-Ligo, 2001. 199p. Unuafoje en Esperanto, kompleta manlibro pri teoria kaj praktika astronomio.








## La ĉielarko kaj la kataplasmo

Kiom da bigotoj entenas pastabulo?
Ĉu kvar aŭ kvin?
Kiom da notoj havas tenorio?
1.230.424
Ĉi demandoj facilas.

Ĉu klavo pedikas?
Ĉu mi malvarmumos sur la femuroj de mia amorantino?
Ĉu la Papo ekskomunikos gravedulinojn?
Ĉu policanoj scias kanti?
Ĉu hipopotamoj feliĉas?
Ĉu pederastoj maristas?
Kaj ĉi demandoj, ĉu ankaŭ ili facilas?

Venos tuj sur la strato
Du salivoj man-en-mane
Kondukantaj lernejon da surdmutaj infanoj.

Ĉu mi malĝentilus, se mi vomus sur ilin pianon
el mia balkono?

*Luis Buñuel*

# Luis Buñuel

Fine de la pasinta jaro kontaktis min rete S-ro Javier Gil el Zaragozo, petante tradukon al esperanto de poemo kaj prozaĵo de Luis Buñuel okaze de la kvina numero de revuo nomata "Lumen Apothecariorum".

La revuo eldoniĝas po unu numero jare, en Zaragozo, kun krudaj kovriloj kaj ne vendenda. Ĝi okupiĝas pri farmacio, homeopatio, botaniko, ktp kaj ĝin eldonas entrepreno pri homeopatiaj varoj, "Ibérica de Homeopatía", kunestrata de s-ro Vicente Martínez Tejero kiu ŝajne estas ia sciencista gravulo en la zaragoza socio.

Tiun pasintan jaron, omaĝan al Luis Buñuel, la revuaj redaktistoj decidis fari gravan apartaĵon pri la vivo de la kinartisto, enhavantan tiujn du tekstojn kaj ties tradukojn al 21 lingvoj, inter ili esperanto.

Mi prenis la taskon, elplenumis ĝin kaj sendis al Jorge Camacho por kontrolo, bonega kiel vi certe pensus, kun brilaj kaj spritaj komentoj kaj valoraj kontribuaĵoj. Mi tre alte taksas la intervenon de Jorge ĉar la tekstoj, kvankam mallongaj, estis malfacilaj pro sia surrealismeco.

La revuo jam aperis, kaj la eldonejo "Ibérica de Homeopatía" sendis plurajn ekzemplerojn al HEF, en kies oficejo vi povos trankvile trafoliumi ĝin. Finfine la lingvoj uzataj estis nur 14 (krom la hispana): "aragona", cigana, kataluna, eŭska, galega, franca, angla, itala, sarda, germana, rusa, nederlanda, finna kaj esperanto.

*Manuel Pancorbo*

## Glacia palaco

La flakoj iĝis senkapigita domeno el domoj, unu el kiuj estas la turo prirakontita dum mia infanaĝo, kun unu sola fenestro tiel alta kiel patrin-okuloj kliniĝantaj super la lulilo.

Apud la fenestro, pendumito balanciĝas super la ferma abismo de eterno, spac-ululata. *Estas mi.* Estas mia skeleto, el kiu restas plu nur la okuloj. Jen ili al mi ridetas, jen strabumas, jen tuj formanĝos paneron ene de la cerbo. La fenestro malfermiĝas kaj aperas damo fajlanta siajn ungojn. Kiam ŝi rigardas ilin sufiĉe klingaj, ŝi elŝiras miajn okulojn kaj forĵetas ilin surstraten. Restas miaj orbitoj nudaj, sen rigardo, sen deziroj, sen maro, sen kokidoj, sen cio.

Flegistino venas sidiĝi apud mi ĉe la kafeja tablo. Ŝi disfaldas ĵurnalon de 1856 kaj eklegas kun emocia voĉo:

"Kiam la soldatoj de Napoleono enmarŝis Zaragozon, la fian Zaragozon, trovis nenion krom la vento tra la dezertaj stratoj. Nur en flako kvakadis la okuloj de Luis Buñuel. La soldatoj de Napoleono finmortigis ilin bajonete."

*Luis Buñuel*



# Lingvo Angulo (?)

de Antonio Valén

ESTONTECO DE LA KARA LINGVO

Dum la lastaj tagoj, nia laborema kaj laboriga redaktoro iom urĝe kaj insiste petis mian kutiman kontribuon por Boletín: ja pli haste ol alifoje, ĉar la nuna numero aperas nur kelkajn semajnojn post la lasta. Mi planis verki ankoraŭ trian artikolon pri paronimoj, sed tempo mankis preme, kaj mi ja ne volis verki fuŝaĵon. Tial do mi decidis surpaperigi ĉi-foje miajn impresojn pri nia lingvo kaj ties estonteco. Finfine, ĉiunumera apero en Boletín estas kvazaŭ persona laŭtparolilo: mi utiligu ĝin almenaŭ unu fojon.

Mi komencu per anekdoto: lastatempe mi ricevis cirkuleran alvokon kun peto pri eventuala reago al asertoj de s-ro Infante, kies artikolo "Esperanto" aperis en la plumbe dekstrisma hispana taggazeto ABC. Miaopinie, bonas ke esperantistoj reagas al ĉiaj misinformoj pri la kara lingvo —sed mi ne povis ne pensi: Ĉu vere indus ion ajn verki por la legantoj de ABC? Ja tiun ĵurnalon ne legas niaj naturaj "klientoj", ja ne tie troviĝas eventualaj estontaj esperantistoj... Ni, anoj de la verda rondo, kutime mistaksas nian celon kaj apenaŭ konscias, ke simple ne eblus ŝtopi ĉiujn mankojn per niaj limigitaj fortoj. Cetere, multaj frazoj de Infante plene veras: "Verdire esperanto —artefarita lingvo kreita de la pola kuracisto kaj filologo Zamenhof fine de la 19a jarcento— neniam havis brilan perspektivon"; kaj foje li eĉ tro favoras esperanton: "Malmultaj homoj fidis je la nova lingvo, kaj fakte neniu registaro aŭ internacia organizaĵo prenis ĝin serioze malgraŭ la multnombraj kongresoj, la kreado de lingvo-akademio kaj la pli ol ok-miliona parolantaro"; "Poetoj kaj prozistoj verkis esperante, oni eldonis librojn kaj vortarojn, kaj la lingvo efektive influis sur la eŭropan kaj internacian panoramon". Honestaj esperantistoj rajtas nur dubi pri tiuj ok milionoj kaj pri la efektiva influo de esperanto sur ion ajn.

Kaj fakte, kiom da esperantistoj estas en la mondo? Mi ege kontentus, se ni estus entute cent mil parolantoj. Ĉiel ajn, oni devus unue difini la koncepton "esperantisto": Ĉu "homo kapabla flue paroli pri ĉiutagaĵoj kun alilandano"? Ĉu "homo kun faka kaj profunda scio pri la lingvo"? Ĉu




simpla "aliĝinto al esperanto-kurso"? Ĉu "simpatianto de la ideo pri lingvo internacia"? Mi elektus la unuan difinon, ĉar ĝi inkludas ankaŭ akuzativ-murdistojn. Cetere, se ni teniĝus al la dua difino, "homo kun faka kaj profunda scio pri la lingvo", ni trovus ke, ekzemple en Hispanio, ne estas pli ol cent-ducent tiaj homoj kun vere solida posedo de nia lingvo. Apliku procentan obligon kaj kalkulu mem por la tuta mondo. Cetere, mi firme supozas, ke nialande estas pli ol ducent denaskaj hispanlingvanoj kun faka kaj profunda scio pri, ni diru, la japana aŭ la ĉina.

Aŭ pri la angla, kompreneble. La ĉiea kaj ĉiopova angla, kiun multaj esperantistoj absurde rigardas nia malamiko (kvankam ili probable povus trovi anglalingvajn skribaĵojn eble en ĉiu ĉambro de sia loĝejo). La angla estas nun la plej prestiĝa lingvo de la mondo: tial ĝi furoras, tial preskaŭ ĉiu volas lerni ĝin, tial milionoj paradetas aŭ komercas per krude bazaj konoj, kaj tial multaj nedenaskuloj vere bone ĝin regas. Kvankam esperantistoj eminente scias, ke la efektiva kaŭzo de tiu prestiĝo fontas el la ekonomia forto de Usono, multaj lernintoj de la angla naive argumentadas pri la facileco de la nuna mon(d)lingvo, ĉar tiel ĝi "nature" pravigeblas kiel ponto inter la popoloj. Jen bela rolo, kvankam la angla ne estas aparte facila aŭ malfacila: nur tipa eŭropa lingvo, same kiel la nederlanda, la itala aŭ la rusa. Fakte, se ĝi vere malfacilus, tio nur kunhelpus eĉ pli bone distingi la eliton disde la plebo: jen ankoraŭ subtila socia markilo.

Foje aferoj tre simplas, se ni nur provas rigardi ilin senvuale kaj senbalaste. Se miliardo da esperantistoj vivus dise tra la mondo, neniu zorgus pri la ĝusta nombro, simple ĉar la cifero apenaŭ interesus scivolemulojn. Kaj tamen malmultaj esperantistoj konscias, ke nia "samideanaro" estas nur eta, preskaŭ bagatela komunumeto meze de multaj aliaj same neatentindaj komunumetoj; ili preferas rigardi sin la centro de la universo kaj konsideri la esperantisman celadon kerno de la tutmonda bonfarto. Prefere se ni revenus en la realon: nur provu demandi de viaj neesperantistaj amikoj kion signifas la akronimoj UEA kaj SAT.

Nun mi troviĝas je l' vojomez' de mia vivo tera kaj mi rimarkas, ke la esperantistaro ne aparte kreskis aŭ malkreskis dum

la lastaj 18 jaroj. Mi same supozas, ke kiam mi maljunos, la afero restos pli malpli sama, kun niaj stagnaj klubetoj, niaj amikaj rondetoj kaj niaj renkontiĝetoj (pompe kaj obstine plu nomataj "kongresoj"). Aŭ eble eĉ pli malbone: se kredi hipotezon de s-ro Carlevaro, en mia maljuneco mi spertos la veran krizon de esperanto, kies movado reduktiĝos al kelkaj disaj olduloj sopirantaj al la bona malnova tempo, kiam en ĉiu iom grava eŭropa urbo estis esperanto-klubo.

Sciu, ke mi verkis ĉi artikolon tre rapide, dum labor-paŭzo —jen por kio fakte utilas esperanto— kaj ĉefe senPIVe! Mi kore esperas, ke nia redaktoro (kaj de antaŭ kelkaj monatoj ankaŭ membro de la Esperanta Akademio) Miguel Liven Gutiérrez Dek Adúriz bonvolos revizii la nunan artikolon: ja absurdus trovi lingvan makulon en verketo celanta helpi lernantojn, kvankam —strikte inter ni— mi jam pekis lingve pli ol unu fojon en pasintaj Lingvaj Anguloj. Ĉiel ajn, konsolas min la penso, ke erari estas home.

Kaj, se paroli pri homoj, eble Lingva Angulo ne estas la plej oportuna loko por diskuti pri nia homa panoramo, sed permesu jenan finan penson: kial Esperantujo tiom plaĉas al teduloj, vorto-laksuloj, megalomaniuloj, skizofreniuloj kaj sociaj misadaptitoj ĝenerale? Ve, kiom oftege mi demandis en mia kapo dum esperanto-renkontiĝoj, ĉu nia lingvo vere troviĝas en bonaj manoj. Verdire, mi ofte pensis pri kabeado: fakte mi ne scias kial mi daŭre kaj papage gurdas la samajn propagandajn frazojn antaŭ neesperantistoj, kial mi ankoraŭ laboras por pretigi la vortaregon de Fernando de Diego, kial mi plu verkas la Lingvajn Angulojn por Boletín, aŭ kial mi entute plu esperantumas..._ ĉu eble Esperantujo plaĉas ankaŭ al masoĥistoj? Sed mi ĉesigu mian litanion "esperante" tamen, ke nia redaktoro bonvolos allasi ĉi defetisman elverŝon. Ĝis!

## UK-Karavano

La E-Grupo de Valencio organizas vojaĝon al la Universala Kongreso (Zagrebo, Kroatio) de la 21a ĝis la 28a de julio. jen la vojaĝ-plano:

19an de julio: ekiro de Valencio kaj alveno al la ĉirkaŭaĵoj de Nico (Niza, Francio), kie oni loĝos en "hotelo kun matenmanĝo" (h+m). 20an de julio: veturado de Nico ĝis Zagrebo. 21a ĝis 28a de julio: Restado en Zagrebo (h+m). 29an de julio: ekiro de Zagrebo ĝis Nico. 30an de julio: de Nico ĝis Valencio. La prezo, 85.000 ptoj, inkludas la koston de la buso kaj de la loĝado en dulita ĉambro (Hotel Formula 1, en Francio kaj studenta rezidejo en Zagrebo).

Oni klopodos halti en Venecio kaj en la iro kaj en la reveno por viziti la urbon. La vojaĝo kostos tiukaze ok mil pesetojn pli. En Zagrebo ni ekskursos al interesaj lokoj. La prezo ne inkludas manĝojn. Pasporto necesas. Kontaktu: Augusto Casquero; Avenida Burjasot, 29, A-31; 46009 Valencia; Tel: 963401369; a.casquero@eresmas.net

# 60a Hispana Esperanto-Kongreso

**De la 22a ĝis la 24a de junio 2001**
(Postkongreso de 25a ĝis 30a de junio)

## Provizora Programo

Vendredo, 22a de junio
10.00 - 20.00. Disdono de dokumentoj.
10.00. "Filatela ekspozicio"
10.00. Malfermo de Libroservo.
14.00. Manĝo-paŭzo
18.00. Kurso.
19.00. Seminario: "Eldonado de libroj, revuoj kaj bultenoj per komputilaj rimedoj". Gvidos Miguel G. Adúriz.
20.30. Estrarkunsido.

Sabato, 23a de junio
10.00. Malfermo de "Filatela ekspozicio"
10.00. Malfermo de Libroservo.
10.30. Solena inaŭguro de la kongreso.
11.30. Inaŭguro de esperanto-fako ĉe la urbodoma biblioteko.
12.00. Oficiala inaŭguro de la esperanto-grupo "Malgranda Maro".
12.30. Oficiala foto.
13.00. Prelego
14.00. Manĝo-paŭzo
18.00. Kurso.
19.00. Daŭrigo de la seminario.
20.00. Prelego

Dimanĉo, 24a de junio
10:00. "Filatela ekspozicio"
10.00. Malfermo de Libroservo.
11.00. Ĝenerala Kunsido
14.00. Manĝo-pauzo.
18.00. Kurso.
19.00. Daŭrigo de la seminario.
20.00. Premio Klara Silbernik.
20.30. Oficiala fermo.

Verŝajne eblos spekti kelkajn aranĝojn organizitajn de oficialaj instancoj de San Javier:

— Aeraj manovroj fare de "Escuadrilla Los Águilas" de la "Academia general del Aire".

— Prezentado de junula folklora ensemblo: "Coros y danzas de San Javier".

— Prezentado de "Trompetas y tambores de San Javier".

— Kiu ajn alia aranĝo organizota de la urbodomo kun libera publika aliro.

Postkongreso:

Krom ĝui veteron kaj ferilokon, la gekongresanoj havos la ŝancon partopreni en jenaj aktivaĵoj, programotaj dum la kongreso:

— Kurso. Daŭrigota se petite de kursanoj.

— Seminario. Daŭrigota se petite de partoprenantoj.

Noto: Dum la tri unuaj tagoj (22a, 23a kaj 24a de junio), la kongresejo estos "Centro Cívico, Parque Almansa" en San Javier. Kaj la postkongresaj aranĝoj okazos en "Centro Cultural Principe de Asturias", en Santiago de la Ribera (tre apuda urbeto).




# 60a Hispana Esperanto-Kongreso

**San Javier (Murcia),**
**22a ĝis 24a de junio 2001**
(Postkongreso 25a ĝis 30a)
Kongresejo:
Centro Cívico de San Javier
Parque Almansa

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ..........................................
Antaŭnomo: ..........................................
Naskiĝdato (2) .......................... HEF-numero ................
Adreso..........................................
.......................................... Poŝtkodo ................
Urbo .......................... Telefono ....................
Retadreso .......................... Faksilo ....................
(2) Nur por statistiko

Kongreskotizoj en pesetoj: .......... ĝis la 30a de Aprilo............. poste
Kongresano .............................. 5.000 ............. 5.500
Donacon ..........................................
ENTUTE: ..........................................

Kotizu pere de BBVA, konto-numero: 0182-3203-57-0200015978
al la 60a Hispana Esperanto-Kongreso; ES-30730 San Javier (Murcia).
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.
**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**
LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo ..........................................

Kongresa Sekretario: Vicente Sanchez Lumbreras; Saturno 15; ES-30730 San Javier (Murcia); Tel: 968192598; 968191243; 968183338; 968190588
Retadreso: vsal0001@almez.pntic.mec.es



# Du hispanoj en la Akademio



La Akademio de Esperanto gustas ĉiam pli ibere. Jam de pluraj jaroj, Jorge Camacho anas tie, kaj ekde nun ankaŭ Miguel Gutiérrez Adúriz (Liven Dek) estos unu el ĝiaj membroj.

Efektive, la 6an de aprilo de 2001, oni nombris la voĉojn por elekto de la novaj akademiaj membroj kaj rezulte de tio, Jorge kaj Miguel estis elektitaj por naŭ jaroj.

Varme ni gratulas ilin ambaŭ, kaj ankaŭ la Akademion, kiu havigas al si la ŝancon kalkuli je la kunlaboro de tiom valoraj homoj.

*Ana Manero*

# Akademio de Esperanto

Sendependa Lingva Institucio de 1905

Rezultoj de la elektoj de novaj membroj de la Akademio
Jen la listo de la novaj akademianoj, elektitaj en la ĵusaj elektoj de triono de la akademianoj plus vakaj postenoj, kun indiko de la loĝlando.

- Miguel Gutierrez Aduriz (Liven Dek), Hispanujo
- Ashvinikumar, Barato
- Gersi Alfredo Bays, Brazilo
- Vilmos Benczik, Hungarujo
- Jorge Camacho, Hispanujo
- Andre Cherpillod, Francujo
- Probal DaŜgupto, Barato
- Boris Kolker, Usono
- Erich-Dieter Krause, Germanujo
- Li Shijun, Ĉinujo
- Anna Löwenstein, Italujo
- Carlo Minnaja, Italujo
- Sabira Stahlberg, Bulgarujo
- Trevor Steele, Aŭstralio
- Humphrey Tonkin, Usono
- Yamasaki Seiko, Japanujo
- Amri Wandel, Israelo
- Bertil Wennergren, Svedujo

*Renato Corsetti,*
*AdE sekretario.*